3ª jaro - Nº 6 (25) (Publication mensuelle) Junio 1935

# LA PIRATO

Kajeroj por Satiro, Humoro kaj Libereco... relativa

Ŝipestro: Raymond SCHWARTZ
Redakcio: 5, Avenue Galliéni
Courbevoie (Seine)

Hejma Haveno & Administracio:
J. SOLSONA
9, Rue Hallé, PARIS-14e
FRANCLANDO



KAPERAS ĈIUMONATE

## GRAVEGE ! ATENTU !

Tuj, senprokraste legu la urĝan komunikon sur paĝo 83 !

# TARIFO DE L'ABONOJ

Unujara abono (12 numeroj) al LA PIRATO kostas

en Francujo . . . . . . . . . . . . . . . . 10 fr. fr.

en Landoj aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm. . . . . . . . . . . . . 12 fr. fr.

en aliaj landoj *) . . . . . . . . . . . . . 15 fr. fr.

Oni povas pagi egalvaloron en aliaj monunuoj laŭ kurzo de l' tago, — per monbiletoj, respondkuponoj poŝtaj (1 kupono = 1,50 fr. fr.) aŭ per respondkuponoj de UEA (laŭ kurzo de l' tago).

Franca poŝta ĉekkonto :

J. SOLSONA, Paris 545.82

Ĉiuj pagoj estu farataj al

S-ro J. SOLSONA, 9, rue Hallé

PARIS - XIVe

*) Inter la ĉefaj landoj ne aliĝintaj al la Konvencio de Stockholm estas : Danujo, Granda Britujo, Italujo, Japanujo, Norvegujo, Svedujo, Svisujo, Usono.

# Jub! Jub!... Ileo!

Tiu ĉi Piratkajero estas la 25-a. — Flirtu sur la ĉapeloj de niaj ĉarmaj piratinoj dudek-kvin flagetoj por anonci la gloran okazaĵon : ankaŭ ni festas nian Arĝentan Jubileon. Je via sano, samideano!

Tre sincere ni deziris prepari al nia admirinda anaro grandiozan surprizon. Tre serioze ni projektis donaci al ĉiu abonanto la du volumojn de la Enciklopedio, kiu sendube estas la plej dika Esperanta verko. Bedaŭrinde, pro tro malfrua apero de la dua volumo ni ne povis plenumi nian intencon; krome, malhelpis ankaŭ la fakto, ke pro la krizo ekonomia nia kaso similas kiel frato al la kaso de UEA. Sed... okaze de nia Ora Jubileo, vi vidos, kion vi vidos! (kiel oni diras en la diplomata lingvo).

Intertempe ni dankas plej fervore al ĉiuj geamikoj kaj precipe al ĉiuj ŝtatestroj, kiuj bonvolis sendi al ni gratultelegramojn kaj minacleterojn. Ĝispiedplande kortuŝitaj ni estas pro la malavara gesto de lia moŝto, Francisko I-a de Liĥtenstejn, kiu nomis S-ron Rob. Kreuz, la simpatian direktoron de UEA, « Princa Konsilisto ». Ni tion vere ne meritis. Ni scias ankaŭ, ke lia moŝto nun komplotas por nomi nin « Grinca Konsolisto » pro la granda merito, kiun ni akiris koncerne la konsoladon de konsolbezonaj samideaninoj.

Alia afero. — De diversaj flankoj oni invitis nin al... kreo de Piratinsigno okaze de nia jubileo. Dank' al tiu insigno ĉiu povus tuj rekoni, ĉu li troviĝas apud normala homo, sanidea, larĝanima, noblakora, boneduka, sobra (nek tro, nek maltro!), malbigota, senhipokrita, mokopreta, bestprotekta, malenuiga, ktp. — Konsentite. Tiel oni ne plu malŝparus valoran tempon esplorante nekonatan individuon per senenhavaj ĝentilecformuloj ; sed ni pensas, ke aŭtentika membro de la Piratfamilio ne bezonas specialan insignon. Kiam vi renkontas inteligentan homon, — ĉu vi ne tuj rekonas lin ?

Tre modeste via

ALE BEN TARIP.




# Pledo por tro honesta
kaj
# malprave persekutata komercisto

---

La alta posteno, kiun supre de l' masto ni okupas, kaj nia ununura okulo, ne malebligas tamen la observadon al bagatelaj faktoj kaj al tute malgrandaj aferoj. Kaj ni opinias, ke eĉ la plej malgrava okazaĵo valoras atenton kaj meditadon.

Nu — tion vi eble ne eksciis, aŭ ne atentis — oni ĵus persekutis komerciston, ĉar li vendis kiel antikvaĵojn diversajn objektojn, kiujn li mem kun la helpo de kelkaj lertaj laboristoj fabrikis laŭ la mendoj.

Ni konfesas, ke tion ni ne komprenas !

Se oni atentas la fakton, ke la daŭro de kia ajn objekto ne estas senfina, oni tuj venas al la konkludo, ke ju pli ĝi estas malnova, des malpli ĝi ankoraŭ daŭros, des malpli longe ĝi ankoraŭ utilos, do des malpli valora ĝi estas. Kiam ni aĉetas vestaĵojn, la vendisto asertas al ni ilian relativan novecon, por pravigi ilian altan prezon. Kaj kiam ni montras al tiu malhonesta komercisto la flikaĵojn kaj la poluritajn kubutojn, kaj tiel devigas lin konfesi sian varon malpli nova ol li pretendis, ni ĉiam ricevas rabaton, ĉar malnova jako ne tiom valoras, kiom nova.

Do la persekutata komercisto estas bonfaranto, kaj meritas rekompencon.

Mi scias, kion vi kontraŭdiras : « Prave oni persekutis lin, ĉar li trompis la aĉetantojn, kiuj ja volis antikvaĵojn, kaj tute ne artaĵojn modernajn. Pri gustoj oni ne devas disputi. »

Konsentite ! Sed multaj aĉetintoj firme kredis, ke ili ja posedas multvalorajn antikvaĵojn, kaj sekve estis feliĉaj, kaj ili nun konsterne suferas en sia memfido, en sia memestimo, en sia monujo. Do, ne la ruza komercisto, sed ja la mallerta persekutanta juĝisto faris malbonon al ili.

Plue !

Estas relative malgranda kvanto da aŭtentikaj antikvaĵoj en la mondo. Dume la vanteco homa estas senlima. Multnombraj personoj sopiras pri plenplena kabineto da tiaj artaĵoj. Tute ne pro ilia beleco, sed pro sia dandeco. Se la mendo superas la disponeblon, laŭ la bone konata ekonomia leĝo, la prezoj plialtiĝos. Do, nur la riĉuloj povos kontentigi sian deziron. Ĉu juste ? Tiu komercisto kontraŭe ebligis, ke por ne multe da mono eĉ malriĉaj diletantoj povas havigi al si kvazaŭ ververajn artaĵojn el la dekdua jarcento, kaj gapigi pro admiro — kaj eble ankaŭ pro envio — siajn geamikojn. Tiu komercisto estas bonfaranto.

Plue !

La laboristoj, kiujn li dungis por sia industrio, dank' al li ricevis panon. Nun ilia nomo verŝajne kuŝas sur la listo de senlaboruloj. Ĉu la ago de la persekutanta juĝisto estas prava ?

La Piratаro, kiu neniam toleris maljustaĵojn, laŭte krias sian indignon.

La dejoranta Pirato.

---

**LASTMINUTE :** Oni sciigas al ni el oficiala fonto, ke ĉiuj informoj pri la memmortigo de S-ro Petit, la simpatia sekretario de la SFPE, estas absolute eraraj kaj senbazaj. (Vidu pluajn detalojn sur la sekvantaj paĝoj.)

# La Pariza Katastrofo

El strangaj tipoj konsistas la pariza popolo! Jen dum lasta marto nia bona amiko Petit klarigis al la membroj de la Pariza Grupo, ke ilia estraro ne valoras duonfunton da bananŝeloj kaj ke urĝe necesegas elekti novajn homojn, pli inteligentajn kaj pli laboremajn. Kaj kiel la pariza popolo respondis al tiu bona konsilo? Preskaŭ unuanime, post senemocia balotado, ĝi akceptis, malgraŭ vibranta alvoko de nia bona amiko Petit, la samajn individuojn. Ha, ha, sed-sed! la samaj individuoj posedis ankoraŭ sufiĉe da fiereco por kompreni, kion la situacio postulas kaj aŭskultante nur la voĉon de sia digneco ili propramove, post la triumfa reelekto, abdikis. Tiel okazis, ke antaŭ kelkaj tagoj oni ree voĉdonis ĉe la Pariza Grupo. Kiel vi vidas, oni estas tre sportema en nia bona urbo.

Kaj kio okazis? Pli ol iam antaŭe la ĝisnunaj estraranoj rikoltis voĉojn kaj voĉojn, tiom, ke ili ne plu sciis, kien ilin meti. Kaj refoje, kun giganta plimulto la samaj individuoj estas reelektitaj.

Ĉu vi scias, kion faris la novaj (kiuj samtempe estas la malnovaj) estraranoj de la Pariza Grupo? Ili rezonis: Jam du fojojn, sinsekve, la pariza popolo malelegante malaprobis la revolucian iniciaton de S-ro Petit. — S-ro Petit, ili plue rezonadis, estas relative tre inteligenta homo. Ĉio rajtigas nin supozi, ke li komprenos la vangofrapon kaj tie ĉi kuŝas la danĝero! Li eble provos sin malaperigi, sin detrui, dispecigi. Tion nepre ni devas eviti!

Kvankam oni tuj mobilizis ĉiujn membrojn de l' Turisma komisiono por deĵori sur la Eiffelturo, oni tamen ne povis eviti, ke S-ro Petit saltis de la kvara etaĝo kun la evidenta intenco ne postvivi la katastrofon. Tion almenaŭ oni rakontis en la Esperantistaj rondoj. — Aliaj, kiuj volas ĉion scii pli bone ol ni,

raportis, ke nia bona amiko provis sin venenigi manĝante tri kilogramojn da asparagoj, kaj ili eĉ aldonis, ke antaŭ ol endormiĝi nia bona amiko trovis ĉi tiun heroan vorton : « Per asparago al malesperago ! » — Intertempe oni eksciis tra la urbo, ke malgraŭ ĉia verŝajneco nia bona amiko neniel intencis mallongigi sian vivon nur pro tiu stulta kaŭzo, ke la pariza popolo ne komprenis lin. Estas fakto, ke tre baldaŭ la oficialaj instancoj malkonfirmis ĉiujn klaĉaĵojn kaj ni mem havis la plezuron vidi S-ron Petit ankoraŭ antaŭ kelkaj tagoj. Li fartas tre bone. Por certiĝi, ke estas li en sia propra viando, ni demandis tre ruze : « Ĉu vi mortis ? » Kaj fanfare li respondis : « Ne ! — Kial morti ? Nur ĉar tiuj... tiuj... ne komprenis min ? Kompense nun ankaŭ mi ne komprenas ilin, kaj ni estas kvitaj, ĉu ne ? — Cetere se dum duonhoro mi hezitis kaj eble pensis pri tia elirvojo, tuj poste mi energie decidis pluvivi, ĉar ja mi devas gvidi la nacian karavanon al la Universala Kongreso ! »

« Bone », ni diris, « sed kion vi konkludas el la tuta afero ? »

« Mi konkludas, ke kiam provinca grupo volos refoje doni al la Pariza Grupo ne petitajn konsilojn, ĝi povos tion fari sen mia helpo ! Krom tio, ĉu vi jam aliĝis al la Afrika Krozado ? Restas nur kelkaj lokoj kun litoj sen matracrisortoj en la maŝinĉambroj... »

JULES LARIBOIS.

# Publika Konfeso

Post apero de nia artikolo, en nia maja numero, « Jen solvita la nesolvebla problemo ! » ni ricevis de nia bona amiko Richard Levin, Lyon, la pruvon, ke li skribis jam antaŭ ni similteman artikolon : « La kavaliroj de la paco », kiun ĝis nun neniu gazeto konsentis publikigi. La fakto estas amuza kaj la nura konstato, ke du tiel eminentaj pensuloj, kiel S-ro Levin kaj Ni alvenis al la sama konkludo kaj solvo, elokvente pruvas, ke la homaro ne rajtas malesperi.

LA DEĴORINTA PIRATO.




SENNACIULO (aprilo). — « La prezidanto, restariginte la silenton, direktas severajn parolojn al Planimedo... »

*Kaj kiam la silento stariĝas, la bruo povas kuŝiĝi!*

SVENSKA ESPERANTO-TIDNINGEN (majo). — « La dancemuloj povas ĝui la vesperon svingante sin laŭ la muziko de kapelo 4-vira. »

*Se ni ĝuste komprenas, ĉi tie temas tute simple pri dancado. Do kial ne danci, tute simple, laŭ la muziko de danc-orkestro?*

HEROLDO (12 majo). — « ...proksimume tri cent personoj, aŭstroj kaj Vienanoj, venis en tiu ĉi sezono al Varna. »

*Ni kuraĝas aserti, ke venis ankaŭ tri cent homoj kaj virinoj. Sed rimarkinde estas, ke la aŭstroj kaj Vienanoj ne malpacis inter si!*

FRANCA ESPERANTISTO (majo). — « En ĵus ricevita gazeto mi legas, ke "Jam en 1683 la hungararon turmentis misaj antaŭsentoj". Ĉar "mis" estas oficialigita kun la senco: "erare", "malĝuste", mi komprenas, ke la antaŭsentoj de hungaroj en 1863 estis eraraj kaj malĝustaj. »

*Jen tipa ekzemplo de miskompreno! Ĉar, se la ĵus ricevita gazeto diras « 1683 », oni ne rajtas kompreni « 1863 ».*

HEREZULO (apr.-junio). — P. 26: « Se vivus nuntempe Erasmo, li certe ankaŭ aliĝus al neniu faŝismo, nek al la ruĝa (Moskva), nek al la bruna (Roma)... » — P. 27: « Regas en Stalinio ruĝa faŝismo, kelkiilate eĉ pli abomeninda ol la nigra el Italio kaj la bruna el Germanio. »

*Tio ŝajnas al ni herezaĵo. Kaj tamen... ankaŭ ĉe la kartludo oni miksas la kolorojn...*

# Malklerulo legas « Odusseias » de Homeros

## I.

« Venu, ho, rozofingra Tagiĝo, lumigu la kuproriĉan ĉielon ! » — Pardonu, mi iom infektiĝis. La *Odusseias* estas fama, eĉ famega, ĉu ne ? Ĉiu, kiu ĉe la lernejo studadis la antikvan grekan, en sia juneco familiariĝis kun ĉi tiu nobla, admirinda verkaĵo, ĉu pli aŭ malpli nevolonte. Konstante la kleruloj aludas ĝiajn scenojn kaj personojn ; devi konfesi, ke oni neniel scias pri ĉi ĉio estas embarase. Sed, bedaŭrinde, ne ĉiu tiel instruiĝas ; — ekzemple, al mi oni ne instruis pri la antikva greka lingvo, nek pri la moderna, en mia familio ni simple aĉetas niajn lavospongojn kaj korintojn ĉe apuda spicisto. Anstataŭe oni lernigis al mi iun modernan eŭropan lingvon. Kiun ? Mi forgesis. Tial, intense ruĝiĝante, mi tie ĉi konfesas, ke ĝis antaŭ ne longe Odusseias estis por mi nur nomo, kiun mi povis (malfacile) literi, sed neniam kuraĝis provi elparoli.

Ĉiam mi intencis iam legi ĉi tiun famaĵon, almenaŭ per propralingva traduko, sed tio ĉiam prokrastiĝis, kaj, dume, mi min kontentigis, kurante al mia enciklopedio. ĉiufoje kiam menciiĝis ĉi tiu damninda misteraĵo. Tiel, cent-kvindek-kvin fojojn mi min certigis pri Homeros (kiu verkis, aŭ ne verkis, ĝin — laŭ via bontrovo), kaj entute mil-sescent-foje pri aliaj personoj, aŭ diaj, duonediaj, demonaj aŭ nur homaj kaj pri lokoj, kiuj nomiĝas en ĉi tiu famega dudek-kvar-kanta epopeo.

Ĉiufoje mi diris al mi : « Nu, ĉi tiufoje por ĉiam absolute mi fiksis la memoron pri *li,* aŭ ŝi, aŭ ĝi, kaj neniam mi forgesos plu ; tamen, ne tiel okazis, kaj sekvintfoje, kiam oni demandis min, denove mi devis same hontiĝi.

Tamila proverbo diras : « Tio, kion oni lernis en la juneco estas kvazaŭ gravurita en ŝtonon, » — ŝajne tio, kion oni lernas poste estas gravurita en buteron. Traduko de tiu famega ofte tradukita poemego devus troviĝi ankaŭ en la esperanta literaturo, kaj nun dank' al klera kaj laborema samideano, ĝi tie troviĝas, kaj ĉiu esperantisto povas de nun dogmi pri ĝi kaj hontigi al malpli kleraj personoj ĝuste, kiel kiu ajn. Do, aĉetu ĉi tiun libron kaj plene sciiĝu pri ĝia enhavo. (La privata interkonsento inter ties aŭtoro kaj mi pri reklamaj aferoj koncernas nur lin kaj min.) Permesu, ke mi enkonduku vin. Komenciĝe, pri la nomoj : Verdire la antikvaj grekoj estis fortaj kaj malŝparemaj tiurilate, kaj inventemaj pri kromnomoj. Kompreneble tiuepoke la aferoj malpli rapidege preterkuregis, certe tiam oni havis pli da libertempo, sed mi dubas ĉu eĉ antikva greko meze de ŝtormego diris: « Disimila Telemachos,

bonvolu malligi tiun ŝnuron.» Eble tiukaze oni havis rimedojn, kaj diris, nur «Tel.» aŭ nur «Joĉjo». Konsole estas renkonti tie ĉi iun personon, kiu mallonge nomiĝis Ops, sed li ankaŭ nomiĝis «la Peisenorido» kaj, venĝe, lia filino nomiĝis Eurukleia. Strangaj ekzistaĵoj majeste trapaŝas tiujn paĝojn, ekzemple la fajroŝprucokula Athene. Mi konis nur unu tian personon, kompatindan instruistinon, tro longe fraŭlino. Admonante nin, siajn lernantojn, ŝi kutimis ekrektigi la korpon, etendi brakon kaj montran fingron, kaj tiam ŝiaj okuloj fajroŝprucis. Poste oni lokis ŝin en frenezulejon, ĉu pro instigo de iu asekura kompanio, mi ne scias. Oni sciigis min, ke oni povas eksperimenti ĉi tiurilate, rifuzante novan ĉapelon al edzino, aŭ, post streĉa laborado en oficejo, hejmenrevenante ĉe la tria frumatene, ŝanceliĝante pro laceco, sed tiel mi ne riskis.

Kaj ĉu vi trovas, ke la vortoj de via edzino kaj ŝia patrino estas flugilhavaj? Ofte en «Odusseias» oni parolas per «flugilhavaj vortoj», kaj ĝi sciigos al vi multajn aliajn plej oportunajn epitetojn.

V. V.

*(Finota.)*

---

# Grandioza sukceso

## de la

# XVI^aj Internaciaj Floraj Ludoj

Nia elita legantaro sendube bone memoras, ke La Pirato, kiel ĉiam konscia pri sia alta socia tasko, ne hezitis promesi 50 Pesetojn al la Floraj Ludoj. Tion La Pirato ŝuldis al sia mecenata reputacio kaj tiom ĝi ŝuldas nun al la feliĉa gajninto, kiu elegante respondis al nia demando:

> « Kion, laŭ internacie aplikata kodo, bonedukita homo ne devas fari? »

Verdire ni longe esperis sekrete, ke neniu provos respondi al nia maldiskreta demando kaj ni esperis tiamaniere savi niajn 50 pesetetojn, sed — diablo rompu la nukon al ĉiuj poetoj! — troviĝis kuraĝa individuo, nome S-ro Hector VERMUYTEN, Antwerpen, kiu brile sukcesis detrui nian sekretan esperon. Nia elita legantaro tuj havos la plezuron legi la verkon de nia eminenta poeto. Estas nur bedaŭrinde, ke restas la fakto: Nun ni devas pagi... Sed ne timu! Tion ni faras elegante, kun rideto kaj kun sinceraj gratuloj al la gajninto, kiu duoble meritas nian respekton, ĉar... li fidis al La Pirato!

Devizo: *Bonhumoro — sana koro.*

# LA BONEDUKITA HOMO

Bonedukito sekvas kodon,
Ĉar kiu pekas kontraŭ ĝi,
Ne iras sur la eŝafodon:
Nur mortos pro la ironi'.

Sed multe estas tolerata,
Precipe al la petolul',
Se estas lia ag' regata
De l' grava boneduk-regul'.

Li tiam nur amikojn vidas:
Ĉar mondo pri l' petola hom'
Aprobe kaj pardone ridas,
Escepte de l' edzin' en dom'.

Li tamen povas en ĉemizo
Promeni hejme kun infan',
Sed tion ne — eĉ en Parizo —
Sur strat' kun dec' de puritan'.

Edzinon sian kisi povas
Li en ĉeest' de l' servistin';
Sed se la malon li ekprovas,
De l' boneduko estas fin'.

En sia oficej' li prenas
La skribistinon sur genu',
Sed kiam ĝi — ne ŝi — ekplenas
De la subuloj, jam ne plu.

Juvelo milfaceta estas
Bonedukita hom' laŭ ver'.
Li ne tro brue manifestas,
Blasfemas nur «je Jupiter'!»

Li diri povas eĉ la veron,
Sed ne al sia amatin',
Neniam koni la mizeron,
Ĉar boneduk' forlasus lin...

Kun la gastigantin' li sprite
Babilas, grave kun sinjor',
Kaj manĝas tre bonapetite
Manĝaĵojn eĉ kun fi-odor'.

Sin pri la naskiĝtag' informi
De la fraŭlino povas li,
Sed ne pri ŝia aĝ', nek dormi,
Kiam pianoludas ŝi.

Se estas li samideano,
Ne sidas li dum «La Esper'»
Kaj ne ekstaras kun spontano
Dum monkolekt', pro malaper'.

Li ne rifuzos la ombrelon,
Dum la pluvego al konat',
Sed krome vokos Danielon,
Se lin li vidas sur la strat'.

Necesas nun, ke li sin tenu
En mezo, kun la pluvŝirmil',
Por ke la akvo sole benu
Amikojn liajn, pro ĝentil'.

Li povas en kafej' vistludi
Por ĉiu levo po dolar',
Sed tute ne je l' fin' atuti
Per kvina aso... pro erar'.

Kaj se honoras lin regale
Amiko iu per likvor',
Regalos ree li lojale,
Heroe ĝis la ferma hor'.

Se mi daŭrigus rimi, vere,
Ĝis de l' mondfina juĝ' la tag',
Boileau minacus tre severe,
Al vi mi estus nur papag'.

SENKULPIGO

Mi ĉion « glate, plate » citis,
Laŭ de Kalocsay la konsil', (*)
Laŭ li, simbolojn mi evitis,
Mi, lia parnasanta fil'.

Hector VERMUYTEN.

(*) La Arto Poetika — I, v. 65-66.

# Nia 27-a en Firona




## OFICIALAJ INFORMOJ

La Organiza Komitato de la XXVII-a Kongreso ĵus komunikis al ni la tabelon de l' temperaturo en diversaj urboj. Ni publikigas ĉi tiun tabelon sen ia respondeco niaparte, ĉar ni estas neniel kompetentaj pri veterologio.

**Temperaturo oficiale konstatita la 30-an de Junio :**

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Parizo . . . | En la ombro : | 45° | Firenze . . | En la ombro : | 33° |
| Berlin . . . | — | 44° | Roma . . . | — | 25° |
| Londono. . | — | 47° | Napoli. . . | — | 12° |
| Stockholm. | — | 50° | Sinaia. . . | | minus 3° |
| Spitzberg . | — | 49° | | | |

El kio ni povas konkludi : EK AL AFRIKO !!!

## LA SENMAMA LUPINO




aŭ terura inkubsonĝo de du soifegaj kongresanoj

(Oni bonvolu rimarki la novan subskribon de nia kunlaboranto Raymond Laval !)

# Venko post venko!

Preskaŭ ĉiutage la telefono senfadena alportas al ni sciigojn pri la rapida progreso de nia afero, tiel, ke pli ol aliaj ni rajtas aserti, ke ni estas la venkanta popolo.

La plej novan sukceson ni dankas al niaj germanaj amikoj, kiuj ĵus atingis tute ne tro malfavoran deklaron de la registaro. Oni scias ja kun kia energio niaj germanaj kunbatalantoj propagandis dum multaj jaroj, ŝparante nek siajn fortojn, nek sian tempon, nek sian monon. Ili eĉ ĉesigis la internajn bataletojn, tiele donante al la mondo belan ekzemplon de harmonia kaj spontanea kunlaboro. Kaj nun ili estas rekompencitaj, ĉar ĵus ili atingis fine la pozitivan konvinkon, ke tre verŝajne « Esperanto ne estos malpermesata en Germanujo. » — La kompetenta ministro eĉ tre afable aldonis : « La Esperantistoj koncerne min estas nek amikoj, nek malamikoj. — Ili vizitu min, kiam ili volos, la pordo estos nek fermita, nek malfermita. »

Nun estas la tasko de ĉiuj alilandaj grupoj ekspluati kiel eble plej lerte la supran sukceson por la propagando, precipe en landoj, kie la registaro ankoraŭ montras certan nekomprenon pri nia kara lingvo.

---

## LA POŜTOSAK' DE L' ŜIPANAR'

Al S-ro J. G. en A. — Estis bona ideo sendi al ni la famajn ASPRO-pilolojn, kiujn ni utiligas, kiam la kapo dolor-ASPRO troa diboĉo.

Al S-ro P. G. en H. — Solsona mem kaj propravoĉe laŭtlegis vian poemon dum nia festo. Ĉiuj aplaŭdis, — eĉ la kelneroj. Bela sukceso.

Al S-ro B. P.-H. en B. — Dankon pro atentigo pri tiu amuza eraro. Bedaŭrinde ĝi ne estas ekspluatebla en lakona stilo.

Al S-ro X. B. en B.-C. — Ni notis vian intereson pri la Kongresĉemiza konkurso. Bedaŭrinde la juĝistaro por la tria parto estas jam pli ol kompleta.

Al S-ro Rofo en A. — Sala Fumal estas kortuŝita. Ŝi enkadrigis vian fotografaĵon. Ni ĝoje eksciis, ke Tripol-kameloj estas nur unuĝibaj. Sed kameloj ili tamen estas! Dankon, same al vi!

## *LA FERDEKO DE L' PASAĜEROJ*

Guildford, Anglujo.

Kara Pirato !

Lastatempe mi ofte legis artikolojn pri la egaleco, kiu devus ekzisti (kaj, laŭ kelkaj, jam ekzistas) inter la seksoj, kaj mi rimarkis, ke senescepte la artikolojn skribis virinoj. Por atingi tiun egalecon, la virinoj prenas sur sin divers-specajn okupojn antaŭe konsideritajn la monopoloj de la « pli forta sekso »; sed ili ne ĉesas tie; ne, ĉar ili sin vestas per viraj vestaĵoj, kaj ofte eĉ sin ŝajnigas kaj kondutas kiel viroj. Efektive, kelkfoje oni ne povas diveni ĉu alparolato estas viro aŭ virino.

Nun, mi meditis, kion opinius la virinoj, se ni viroj reciproke komencus alpreni la okupojn kaj vestaĵojn de la ina sekso, kondutante kiel timemaj fraŭlinoj? Pri tio mi tre ŝatus aŭdi la opinion de tia moderna fraŭlino, kia Sala Fumal.

Priparolante ĉi tiun temon kun amikino, mi eĉ ricevis la sugeston, ke mi iru al la itala kongreso la venontan someron kiel fraŭlino, sed, ĝis nun, mi ne decidiĝis, ĉu fari tion aŭ ne. Mi devas sciigi al vi, ke ofte antaŭe mi min ŝajnigis juna fraŭlino en teatraĵoj kaj en baloj per fantaziaj kostumoj. Do, mi ne timas aperi denove en miaj inaj vestaĵoj, ĉar ĉie kaj ĉiam oni akceptis min kiel fraŭlinon, kaj, verŝajne, kiel sufiĉe allogan fraŭlinon, ĉar mi ricevis egalan atenton kun la pli konataj belulinoj tie. Mi nur citas tion por montri al la fraŭlinoj, ke, se plaĉus al ni, ni povus iĝi sufiĉe indaj konkurantoj. Pasante, mi ankaŭ citas la antaŭnelongan okazon en Los Angeles, kiam junulo el la tiea universitato gajnis la pozicion « Miss Los Angeles », malkaŝante sin nur poste.

Kion farus Sala Fumal, se surŝipe dum la krozado al Afriko ŝi trovus post du-tri tagoj, ke la bela kaj viveca fraŭlino, kun kiu ŝi hazarde havis kajuton estas viro?

Kaj, laste, ĉu nia kara Sala volus sugesti al mi, kion preni en mia valizo? Eble, mi partoprenos la konkurson pri la plej bela kongresĉemizo.

Ĝis oni malkaŝos min en Italujo aŭ sur la Mediteraneo, sincere via,

HERMIONE.



# Bilanco, dekonkompleta, pri la nunjara Piratfesto

Do... jam je la 11-a vespere nia bona generalo Bastien tre saĝe konkludis, ke « estas la horo, je kiu la honestaj homoj hejmeniras ». Sed la aliaj restis. Kaj kio okazis ?

Ni iomete levu la vualon. Fraŭlino Yolande de Rougeville, kiu tute senprepare anstataŭis la same faman nuddancistinon Joan Warner, kreis diversajn skandalojn kaj dancis, kiel povas danci nur ŝi. Ŝia arto atingis la supron de l' homa percept-kapablo... Kun gracio de noktpapilio ŝi kvazaŭ ŝvebis tra l' etero, firme starante sur fortika krurparo. Admirinda, eĉ kurioza, estas la facileco kun kiu ŝi transformiĝas en diversajn tipojn. Jen ŝi estas arda hispanino, harmonie saltanta ĉirkaŭ imagita virbovo, jen langvora odalisko, kiu discipline estras la ventro-muskolojn, jen rusa vilaĝanino dum siberia frostnokto, kiu — por varmiĝi — klake kalkanumas la senkulpan pargeton de nia pirat-butiko, jen blanka negrino, kiu moviĝas korŝire kvazaŭ ŝi celus plifaciligi per tio la digestadon de verŝajne malmola misiist-femuro. Kaj ĉiujn ĉi diversajn personojn ŝi ludas nur helpe de plej elementaj kostum-partoj. Mirinde !

Krom Solsona, ĉiam en duon-embria stato, krom la Ŝipestro, kiu kantis eble ne tre bele, sed tiom pli laŭte, ankaŭ Marga Rineta tre sukcese pliviggligis la vesperon, dum Sinjorino Jeannette ravis la ĉeestantojn per sia tro rapide pasanta « Amplezur' ! », kiun oni entuziasme bisis. Dubois zumzumis ĉarmajn kanzonetojn per delikata voĉo, kiu ironie kontrastis kun la impona spektaklo de lia promontora ventreto. Nia bona amiko E. Barrier potence bas-tonis la plej belajn ariojn el sia repertuaro kaj vekis ne nur eventualajn dormantojn, sed ankaŭ vere artan emocion ĉe ĉiuj festanoj. D-ro Muller laŭcirkonstance muzikis.

Honore al nia bona amiko Nels, kiu lastatempe forgesis ĉiujn devojn de ortodoksa kunlaboranto kaj kies manuskriptoj fariĝis pli maloftaj ol liaj kapharoj (kio ŝajnas nekredebla !), la piratаro pie kantis

## DIES IRAE...

Dies irae, dies illa...
Nels sin montris neĝentila
Instrumento senutila ;

Li obstine mallaboris,
Tiom, ke malbonodoris
Kaj la ŝipon malhonoris !

Li diboĉis abomene,
Ne invitis, laŭkonvene,
Geamikojn partoprene.

Li forgesis la amikojn,
Malatentis la kritikojn,
Al ni kaŭzis nur kolikojn !

Estis por ni granda zorgo,
Ke laboras pli per forko
Ol per plumo tiu porko !

Tuj per senkompata vipo
Lin ni tiklos el la ŝipo
... Kaj rompiĝos lia pipo !



Per tio ĉi finiĝis la unua, tio estas la deca parto de la festo.

A. B. C. A.




**Oni cerbumas.** — Tre vigla estas la Laborista Esperanto Klubo, London W. C. 1, High Holborn Strato, kiu preparas ĉiam tre interesajn debatvesperojn. Ni havas sub la okuloj la programon por majo kaj ni vidas kun granda intereso, ke K-do Brown parolis la 18-an pri la temo: « De naskigulilo ĝis la enterigejo. » Niaj londonaj amikoj asertas al ni, ke preskaŭ ĉiuj londonanoj, post kelktaga cerbumado, eltrovis la sencon de tiu fenomena naskigulilo, kiu efektive havas sencon. — Ni ne kontraŭdiros niajn anglajn amikojn, sed tre respekte ni rimarkigos, ke ĝenerale tiu aparato havas alian nomon.

**Ĉu nova epoko?** — Sub tiu ĉi titolo nia bona Heroldo sciigis al ni, ke ĵus fondiĝis en Hungarujo nova Esperanto-Federacio. Estis grandioza kunveno, kiun partoprenis eminentaj enlandaj eminentuloj. Ĉiuj havis ion por diri, sed plej originalan temon pritraktis prof. Mihalik, kiu opiniis, ke laŭ naciista vidpunkto oni ne povas uzi la vorton « samideano ». Enlande oni diru « frato » (kaj via fratino?) — eksterlande « amiko ». Prof. Mihalik plue sciigis, ke li eĉ estas preta, « se naciistoj kaj registaro tion postulas, demeti la verdan stelon kaj uzi nacian rubandon kun vorto " Esperanto ", kiel insignon. »

Tio, kompreneble, estas nur komenco. Ni, ekzemple, estas eĉ pretaj, se la registaro tion postulas, demeti la Esperantan radikaron kaj aldoni nur la esperantajn finaĵojn al la naciaj vortoj.

**Tre precize.** — La Franca Societo kongresis en Arras. Kiel kutime oni povis kalkuli pli da kongresanoj ĉirkaŭ la festena tablo ol en la kunsid-ĉambrego. Kaj ĉirkaŭ la riĉe provizita tablo la kongresanoj ne tre rapidis. S-ro Petit, la simpatia Eterna Sekretario de la S. F. P. E., tial iomete urĝigis ilin, avertante, ke la posttagmeza laborkunsido komenciĝos tre precize je la 2-a. — Tiam oni tre diskrete ridetis. Ĉar estis jam la 2-a 1/2.

**Unu post la alia.** — La solenan festenon partoprenis tiom da personoj, ke la restoraciestra organizo fiaskis. Ĉeestis proksimume tri cent personoj kaj nur cent kvindek teleroj, kuleroj, ktp. Tiel okazis, ke unu parto devis pacience atendi ĝis la alia finis por ricevi siaflanke la necesajn manĝilojn. Estis tre amuze.

**L'Ambasador' de l'Koridoro.** — Kiel kutime nia bona amiko Salo Kornfeld Grenkamp reprezentis la ambasadoron de Polujo en Parizo (aŭ ion similan, ĉar pro la reganta bruo oni ne bone komprenis). Multaj, kiuj juĝas nur laŭ la ekstera aspekto, eĉ opiniis, ke nia bona amiko estas la ambasadoro mem. Kaj estis kortuŝe vidi la ĝojon de tiu sinjorino, kiu dum la bankedo, post longa atendado fine ricevis, por manĝi sian supon, la kuleron de Kornfeld. « Mi havas la kuleron de l' pola ambasadoro ! » ŝi distrumpetis en sia kvartalo.

**Mirakloj.** — Tial, ke lastmomente aliĝis al la bankedo multegaj personoj, ne anoncinte sin antaŭe, la restoraciestro troviĝis antaŭ nesolveblaj problemoj. Tamen li lerte elturniĝis. Sur la menuo staris « pizetoj kun novaj terpomoj », « bovrostaĵo », sed sur la tablo kuŝis « fazeoloj » kaj « ŝafkotletoj ». Sed neniu protestis, ĉar ... la vinoj estis bonaj.

**Kun muziko.** — Dum tiu solena bankedo oni ĝuis ankaŭ la ritmitan bruon de bone dresita orkestro, — ĉar dum la Esperantistoj manĝis, ĉeestis en la sama ĉambrego aliaj homoj, kiuj dancis. Komence la dancantoj kaj manĝantoj bonege akordiĝis. Sed, kiam niaj eminentuloj deziris paroladi, la muziko iom multe ĝenis. Kaj la restoraciestro konsentis silentigi la muzikantojn dum duonhoro. Sed kio estas duonhoro, kiam pluraj eminentuloj bezonas oratori ? Kaj ili pluparolis kaj tostis senfine. La dancemuloj iom post iom senpacienciĝis, ekscitiĝis, interrompis per mokkrioj, tiel, ke ankaŭ la pacaj Esperantistoj ekscitiĝis kaj siaflanke interrompis la interrompantojn. Preskaŭ okazis batalo, fratmurda batalo. Feliĉe, ke la orkestro komprenis. Kaj ĉiuj dancis....

**La novaj ministroj.** — Por elekti la prezidanton de la Pariza Grupo estis facile. Troviĝis nur unu kandidato, nome la honora prezidanto, S-ro Warnier. Nun li estas ne honora prezidanto, — aŭ, se vi preferas, duobla prezidanto. Sed por elekti la vicprezidantojn estis alia afero. Neniu konsentis sin oferi. Fine oni trovis tri viktimojn. Estas S-roj Dupuis, Dubois, kaj Elbois. Tre ĝuste nia bona amiko Dronchat tiam atentigis, ke inter tiuj tri unu estas tute superflua, nome nia bona amiko Dubois. Ĉar S-roj Dupuis kaj Elbois povos anstataŭi lin, kiam ili volos. DUpuis liveros la kapon kaj ElBOIS la ... restaĵon.

**Naciaj salutoj.** — Ni ricevis lastatempe Esperantajn leterojn aŭ poŝtkartojn, kiuj finiĝas per la vortoj « Kun germana saluto.. » — Tio ne ĝenas nin. Sed la ĉefdelegito de UEA en Parizo, nia bona amiko Dronchat, ne pensas kiel ni. Antaŭ nelonge li ricevis de iu nederlanda Esperanto-uzanto « nederlandajn salutojn ». Tiam li respondis : « Salutoj ne estas io speciale nederlanda, tial mi preferus, ke anstataŭ salutoj la proksiman fojon vi sendu nederlandan fromaĝon. »

☆

*Le Gérant :* Roger BERNARD.

Presejo J. SOLSONA, 9, rue Hallé, Paris-14e — Tél. Gobelins 62-71.

# NIAJ ABONEJOJ

---

*Aŭstrujo :* S-ro Alfred Klein, Flossgasse 7/4-a, *Wien II.* — Unu jaro : S. 5,—.

*Ĉeĥoslovakujo :* Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista, Uralské 447, *Praha-XIX.* — Unu jaro : Kr. 20,—. Poŝtĉek-konto 12.371 Praha, « Svaz cs. esperantistu ».

*Germanujo :* Ĉiuj poŝtoficejoj akceptas poŝtmandatojn por J. Solsona, 9, rue Hallé, *Paris-XIV*[e]. — Unu jaro : RM 2,—.

*Granda Britujo :* The British Esp. Association, Inc. 142, High Holborn, *London W. C. 1.*

*Hispanujo :* S ro S. Alberich-Jofrè, Pérez Galdós, 45, *Barcelona.* — Unu jaro : Pesetoj 6,—.

*Italujo :* Esperanto-Centro Itala, Galleria Vittorio Emanuele N. 92, *Milano* (Conto Corrente Postale 3/18715). — Unu jaro : Lit. 12,50.

*Japanujo :* Japana Esperanto-Instituto, Hongoo-Motomaĉi, *Tokio.* — Unu jaro : 3,50 jenoj.

*Nederlando :* Esperanto Instituto, Postbus 81, *Venlo.* Poŝtĉek-konto : 230 505. — Unu jaro : Guld. 1,25.

*Polujo :* Librejo N. Szapiro, Nowolipki 8, *Warszawa.*

*Svedujo :* S-ro Oskar Svantesson, Mariagatan 7-9 A, *Göteborg.* Sveda poŝtĝira konto 62252. — Unu jaro : Kr. 3,75.

**Abonoj povas komenciĝi ĉiumonate.**